Le celle solari possono essere di vari tipi, a seconda dei diversi processi di produzione.
- Dischetti molto sottili vengono tagliati da barre purissime di silicio e successivamente levigati e trattati con acido.
- Una piastra di vetro viene ricoperta di atomi di silicio mediante spruzzamento catodico (silicio amorfo).
- Processo detto "drogatura": aggiunta programmata di impurità ai dischetti di silicio sotto forma di atomi estranei. Il dischetto così trattato può essere chiamato cella FV dato che in questo stato possiede le proprietà di semiconduttore e, in linea di principio, può già funzionare.
Per raggiungere la potenza desiderata e per proteggere le celle da fattori atmosferici (vento, neve, pioggia, ghiaccio, ecc.), le celle vengono collegate elettricamente, inserite in un telaio metallico e protette da una lastra di vetro.
Tipi di celle solari:
- Celle mono-cristalline: sono prodotte da una barra mono-cristallina, hanno un alto rendimento ma sono molto costose a causa del complesso processo di realizzazione.
- Celle poli(multi)-cristalline: vengono colate in blocchi e poi tagliate in dischetti, il rendimento è inferiore rispetto a quelle mono-cristalline ma i costi di produzione sono meno onerosi.
- Celle amorfe: vengono prodotte mediante spruzzamento catodico di atomi di silicio su una piastra di vetro. Nel confronto con gli altri due tipi, le celle amorfe hanno il rendimento più basso ma anche caratteristiche di versatilità e adattabilità maggiori soprattutto nei casi di irradiamento diffuso (cielo coperto, ecc.).

**I vantaggi delle tecnologie FV.**

Grazie alla conversione dell'energia solare in energia elettrica, le fonti energetiche FV offrono molti, importanti vantaggi:
- Il sole è una fonte di energia gratuita e inesauribile.
- Non esistono limiti inferiori di grandezza per gli impianti FV: possono partire da pochi millesimi di Watt fino a diversi milioni di Watt.
- La tecnologia FV è particolarmente ecologica dato che non vengono prodotti gas di scarico o altre scorie.
- Elevata durata, necessità di poca manutenzione e struttura semplice, dato che non vi sono parti meccaniche in movimento.
- Approvvigionamento energetico decentralizzato, cioè, indipendenza da crisi energetiche.
Inoltre:
- Malgrado il prezzo di acquisto sia ancora relativamente alto, in pochi anni il pannello è in grado di garantire una produzione di energia sufficiente a coprire il costo per la sua realizzazione.
- Gli impianti FV hanno un impatto ambientale minore rispetto agli impianti delle altre forme di centrali elettriche; inoltre, un impianto FV può essere montato su superfici curve o inclinate come tetti, facciate, pareti, ecc.

**Scopo del progetto.**

La sperimentazione della tecnologia FV nell'ambito del materiale rotabile ferroviario ha come scopo quello di verificare se una fonte di energia diversa da quella tradizionale derivata dalla trazione, in questo caso l'energia solare, sia efficace per l'alimentazione degli accumulatori presenti a bordo dei treni.

I pannelli al silicio amorfo producono una potenza FV di picco teorica di circa 60Wp al $m^2$ per 3h equivalenti giorno (media giornaliera), che, moltiplicata per i circa $40m^2$ disponibili sull'imperiale (tetto) delle carrozze, fornirebbe una potenza FV di picco complessiva di 1.360Wp. Poiché la tensione delle batterie a bordo è di 24Vn (la tensione di fine carica è di circa 29V), si avrebbe un valore di corrente prodotta di 45Ah, sufficiente per la carica/ricarica degli accumulatori.

**Utilizzazioni**

Possibili utilizzazioni dell'energia prodotta dalle tegole FV applicate sui veicoli scelti per la sperimentazione.

- Locomotive: ricarica degli accumulatori in assenza dell'alimentazione di rete (3kV) e utilizzazione per il riscaldamento, nel periodo invernale, delle condotte pneumatiche di alimentazione per innalzamento pantografo.
- Carrozze: ricarica degli accumulatori in mancanza dell'alimentazione di rete (3kV) sia nel caso di carrozza parcheggiata nel parco sia durante il trasferimento in composizione treno.
- Carri: ricarica degli accumulatori (sui carri ove sono previsti: interfrigo, ecc.), alimentazione delle apparecchiature GPS (Global Positioning System) che potranno essere utilizzate per l'individuazione della posizione dei medesimi e alimentazione delle apparecchiature per la ripartizione omogenea della frenatura dei convogli merci di lunghezza elevata.

UNITÀ DI MISURA:

Tensione = volt, kilovolt [V, kV]
Tensione nominale = [Vn]
Corrente = ampère [A]
Potenza = watt [W]
Energia = watt per ora [Wh]
Potenza di picco = watt di picco [Wp]

# La fotovoltaa energio

**Kio ĝi estas kaj kiel ĝi funkcias**

La termino fotovoltaa (FV), komponita el la greca vorto *phos* (lumo) kaj el *volt* (mezurunuito de elektra tensio), montras rektan transforman proceson de lumo al elektra energio. La efiko FV estis malkovrita en 1839, sed la unuaj aplikoj estis esperimentitaj nur dum la lastaj '950aj jaroj; la teknologio FV estis evoluigata por la unuaj satelitoj tiam enorbitigitaj. Per la evoluado de la altrendimentaj siliciaj sunaj ĉeloj, tiu ĉi teknologio montriĝis kiel ideala solvo por la produktado de ekologia alternativa

energio.
La avantaĝoj estis evidentaj:
- neelkĉerpeblo de la fontenergio (la suno);
- neniu produktado de skorioj (brulitaj gasoj, defalaĵoj, ktp);
- alta konfideblo, danke al manko de moviĝantaj pecoj.

**La voltaaj fotoĉeloj**

La funkciado de fotoĉelo estas tre simpla: la lumo disiradias la ĉelon kaj produktas elektran energion en la siliciaj kristaloj; la energio eliranta el tia potencialo povas esti eltirita el la kristaloj per elektrodoj.
Standarda ĉelo (10x10cm), kaze de plena suna disradiado, liveras tension je ĉirkaŭ 0,5V kaj kurento je ĉirkaŭ 3A, t.e, povumo je ĉirkaŭ 1,5W. Por pligrandigi la povumon, la unuopaj ĉeloj estas grupigitaj en plurĉelaj blokoj. La ĉefa elemento en la ĉeloj FV estas silicio (Si), kiu, post oksigeno (O) , estas la plej ofta elemento sur la tero; nature ĝi ne aperas purforme, sed en kombinaĵoj kune kun aliaj elementoj. Por la produktado de ĉeloj FV, la silicio devas esti purega kaj estas ĝuste la purigada proceso la plej peniga kaj multekosta.
La sunaj ĉeloj povas esti diverstipaj, laŭ malsamaj produktadaj procesoj.
- Tre maldikaj disketoj estas detranĉitaj el puregaj siliciaj stangoj kaj poste poluritaj kaj traktataj per acido.
- Vitra plato estas kovrita kun siliciatomoj per katoda surŝprucigo (amorfa silicio).
- Proceso nomita "drogado": programita aldono de nepuraĵoj al la siliciaj disketoj subforme de alitipaj atomoj. Disketo tiel traktita povas esti nomata ĉelo FV ĉar en tiu ĉi stato ĝi posedas la propraĵojn de duonkondukanto kaj, principe, ĝi jam povas funkcii. Por atingi deziratan povumon kaj por protekti la ĉelojn el atmosferaj fenomenoj (vento, neĝo, pluvo, glacio, ktp), la ĉeloj estas elektre kunligitaj, enfiksitaj en metalan framon kaj protektataj per vitra plato.
Tipoj de sunaj ĉeloj:
- Ĉeloj mono-kristalaj: ili estas produktataj el stango mono-kristala; ili posedas altan rendimenton, sed estas tre kostaj pro la kompleksa realigproceso.
- Ĉeloj poli(multi)-kristalaj: ili estas fanditaj en blokojn kaj tranĉitaj diskete; la rendimento estas malpli alta ol la unuaj, sed la produktadkostoj estas malpli pezaj.
- Ĉeloj amorfaj: ili estas produktataj per katoda surŝprucigo de siliciaj atomoj sur vitran platon. Kompare kun la aliaj du tipoj, le ĉeloj amorfaj posedas pli malaltan rendimenton, sed ankaŭ pli vastan flekseblecon kaj adapteblecon, ĉefe kaze de disŝutita radiado (nubkovrita ĉielo, ktp).

**La avantaĝoj de la teknologioj FV**

Danke al konvertado de suna energio al elektra energio, la energiaj fontoj FV oferas multajn, gravajn avantaĝojn:
- La suno estas energifonto senkosta kaj neelĉerpebla.
- Ne ekzistas limoj je malalta grando por la aparatoj FV: ili povas produkti malmultajn milonojn ĝis multaj mi-

lionoj da ŭatoj (W).
- La teknologio FV estas aparte ecologia ĉar oni ne produktas gasojn kaj aliajn skoriojn.
- La daŭro de la aparatoj estas tre longa. Ilia strukturo ne bezenas oftan bontenadon, ĉar ne ekzistas mekanikaj moviĝantaj pecoj.
- Decentralizata energia provizado, t.e. sendependo de energiaj krizoj.
Krome:
- Malgraŭ ke la aĉetprezo kompare estas ankoraŭ alta, post malmultaj jaroj da funkciado, la panelo kapablas garantii sufiĉan energian produktadon, por amortizi la kostojn de sia realigado.
- La instalaĵoj FV havas malpli gravan alfronton kontraŭ la medio kompare kun aliaj elekraj centralaj aparataroj; krome, instalaĵo FV povas esti muntita sur kurbaj kaj kliniĝantaj surfacoj kiel tegmentoj, fasadoj, muroj, ktp.

**Celo de la projekto**

La esperimentado de la teknologio FV kadre de la fervoja trakveturilaro havas kiel celon provi ĉu diverstipa energia fonto, malsimila al tiu tradicia deprenita el la trakcia forto, ĉikaze la suna energio, povas esti efika por provizi la akumulatorojn, kiuj estas en la veturiloj.

La paneloj tipo amorfa silicio produktas teorian pintvaloran povumon FV je ĉirkaŭ 60Wp po $m^2$ por 3h ekvivalente tage (averaĝe tage), kiu multobligata je ĉirkaŭ $40m^2$ dispone sur la imperialo (tegmento) de la vagonoj, provizus suman pintvaloran povumon FV je 1.360Wp. Ĉar la tensio de la muntitaj baterioj estas 24Vn (la tensio je finŝarĝado estas ĉirkaŭ 29V), oni havus valoron de produktita kurento je 45Ah, sufiĉa por ŝarĝado/reŝarĝado de la akumulatoroj.

**Utiligoj**

Eblaj utiligoj de la produktita energio de la paneloj FV aplikitaj sur vagonoj elektitaj por la eksperimentado.
- Lokomotivoj: reŝarĝado de la akumulatoroj, manke de reta kurentprovizado (3kV) kaj utiligado por varmigado, dumvintre, de la provizantaj pneŭmatikaj kondukotuboj por levado de pantografoj.
- Pasaĝervagonoj: reŝarĝado de la akumulatoroj, manke de reta elektra nutrado (3kV), kaj kaze de vagonparkado kaj dum ĉetrajna veturado.
- Varvagonoj: reŝarĝado de la akumulatoroj (sur la ĉaroj kie ili estas antaŭviditaj: interfrigo, ktp), kurentprovizado por la aparatoj GPS (Global Positioning System = Kompleta Lokaliza Sistemo), kiuj povos esti utiligataj por ilia lokalizado, kaj por la aparatoj por la omogena disdivido de la bremsforto ĉe tre longaj vartrajnoj.

MEZURUNUITOJ:

Tensio = volt, kilovolt [V, kV]
Tensio nominala = [Vn]
Kurento = ampero [A]
Povumo = ŭato [W]
Energio = ŭato per horo [Wh]
Povumo pintvalora = ŭato je pintvaloro [Wp]

# Rimoj

## R E S P O N D O

al sennombraj bondeziroj

Novan jaron enirante
ni atentas pri kutim'
reciproki bondezirojn
kiujn sendis vi, sen lim'!
Mi forprenis kalendaron
flaviĝintan pro jaraĝ'
kaj ni legas: januaron
sur la nova titolpaĝ'.
Post malĝojo travivita
ni nin flatas per esper'
pri la jaro komencita
sed ĝi restas nur ĥimer'!
Nova jaro, nova beno,
nova zorgo, jen la sort';
nur ĉenero el la ĉeno
de naskiĝo ĝis la mort'.
Ni memoras senintence
en la jaroŝanĝa hor'
la amikojn: kaj enpense
travivaĵojn de la kor'!
Skribu, skribu ni gratulojn
per skribema, vigla man',
por certigi konatulojn
pri prosper' kaj bona san'.
Tra malnova notkajero
serĉu ni pri nom', adres',
por ke restu sur la tero
eĉ neniu en forges'.
Al vi , karaj IFEF-anoj,
en komenc' de januar'
ŝutas ni per ambaŭ manoj
bondezirojn por novjar'
estu sanaj, fortaj, riĉaj,
plenesperaj kaj feliĉaj:
semu ĝojon en la mond'!
Kaj entuziasmaj estu;
plej fidelaj membroj restu
de la kara IFEF-rond'!

*Kornelius G.J. De Jong*

(NL-ano - IFEF-Rd 1950-58 kaj Pr 1958-68)

---

## NON IMPORTA CHI TU SIA

Non importa chi tu sia.
Uomo o donna.
Vecchio o fanciullo,
Operaio o contadino.
Soldato, studente o commerciante;
non importa quale sia
il tuo credo politico
o quello religioso;
se ti chiedono qual è la cosa
più importante per l'umanità
rispondi
prima
dopo
sempre:
la pace!

*Li Tien Min*

## NE GRAVAS KIU VI ESTAS

Ne gravas kiu vi estas.
Vir' aŭ virino.
Maljunul' aŭ infano,
manlaborist' aŭ kamparano.
Soldato, studento aŭ komercisto;
ne gravas kia estas
via politika konvinko
aŭ tiu religia;
demandite pri kiu estas la afero
plej grava por la homaro
respondu
antaŭe
poste
ĉiam:
la paco!

(*Trad. RoBo)*

# UIC e RailLex

L'UIC è l'unione internazionale delle ferrovie. È un'associazione che raggruppa circa 120 membri fra imprese ferroviarie e altre attive nei trasporti.

Da statuto UIC ha i seguenti principali compiti:

- far progredire il traffico ferroviario internazionale per mezzo di una intensiva collaborazione fra le ferrovie,
- rappresentare gli interessi delle ferrovie a livello internazionale.

Per realizzare ciò, l'UIC collabora con oltre 40 organizzazioni intergovernative ed associazioni professionali, dove rappresenta gli interessi della ferrovia.

Già dalla sua fondazione, nel 1922, all'interno dell'UIC, fu istituita una commissione che aveva il compito di lavorare ad un progetto per uniformare il "gergo" ferroviario, consentendo alle reti aderenti di avere riferimenti precisi circa i termini ferroviari utilizzati.

Dopo anni di minuzioso lavoro, nel 1957, fu pubblicato il 1° lessico generale (LG I) in cinque lingue; era una sorta di vocabolario con circa 10.000 termini, numerati secondo l'ordine alfabetico dei termini francesi, ai quali corrispondevano i rispettivi nelle altre lingue.

La 2ª edizione (LG II) esce nel 1965, con molte aggiunte e correzioni.

Nel 1973 la 3ª edizione (LG III) viene stampata in sei lingue (francese, tedesco, inglese, italiano, spagnolo e olandese) e comprende circa 11.700 termini.

Già dalle prime bozze della 4ª edizione (LG IV), apparso nel 1989, entra in scena l'applicazione del computer, il quale aprirà la strada al nuovo progetto multilinguistico denominato "RailLex ".

RailLex è il progetto di 28 ferrovie UIC, per sviluppare la comunicazione fra le reti ferroviarie ed il mondo economico, industriale e della ricerca, creando moderne infrastrutture di comunicazioni multilingue.

Grazie all'informatica, nel 1995 esce LG V, non più in formato cartaceo, ma su CD-ROM, con l'aggiunta di altre cinque lingue (polacco, ungherese, portoghese, svedese ed Esperanto).

Già alla fine del 1996 è pronta la 2ª versione CD (LG VI) con l'aggiunta di altre tre lingue (ceco, rumeno e danese), con l'aggiornamento e l'inserimento di altri nuovi termini.

Nel 1997 vengono pubblicati 13 volumi Esperanto-lingua nazionale e viceversa, così che la Lingua Internazionale continua a servire da base di riferimento per la traduzione dei termini ferroviari nelle varie lingue, a cui certo presto seguiranno altre. Ciò consente ai ferrovieri esperantisti di seguitare a fornire il proprio contributo di revisione e di aggiornamento dei termini ferroviari.

Nel 2002 appare la 3ª edizione del CD (LG VII) con l'aggiunta di altre sei lingue (finlandese, giapponese (in parte), russo, serbo-latino, serbo-

cirillico, slovacco).
La versione informatizzata del lessico offre un grosso vantaggio pratico ed economico. Infatti, i pesanti libri plurilingue non devono venire necessariamente più stampati, ma le varie ferrovie faranno stampare solo le pubblicazioni di cui avranno bisogno.
Al progetto RailLex partecipa, attivamente, anche la Federazione Internazionale dei Ferrovieri Esperantisti (I.F.E.F.), che è membro ufficiale dell'UIC, da sempre impegnata a coordinare il lavoro di aggiornamento della terminologia ferroviaria.

*ViTo*

## UIC kaj RailLex

UIC estas internacia unio de la fervojoj. Ĝi estas asocio kiu grupigas ĉirkaŭ 120 membrojn inter fervojaj entreprenoj kaj aliaj organizacioj aktivaj ĉe transportoj.
Laŭstatute, UIC havas la jenajn taskojn:
- progresigi la internacian fervojan trafikon per intensa kunlaborado inter la fervojoj,
- reprezenti la interesojn de la fervojoj je internacia nivelo.
Por realigi tion, UIC kunlaboras kun pli ol 40 interregistaraj organizoj kaj profesiaj asocioj, ĉe kiuj reprezentas la interesojn de la fervojoj.
Jam je ĝia fondo, en 1922, ene de UIC, establiĝis komisiono, kiu havis la taskon agadi laŭplane por uniformigi la fervojan "ĵargonon", permesante al la aliĝintaj retoj havi precizajn gvidsignojn pri la uzataj fervojaj terminoj.
Post jaroj de zorga laboro, en 1957, eldoniĝis la 1a ĝenerala leksikono (LG I) en kvin lingvoj; ĝi estis ia speco de vortaro kun ĉirkaŭ 10.000 terminoj, nombritaj laŭ la alfabeta ordo de la francaj terminoj, je kiuj korespondis la koncernaj en la aliaj lingvoj.
La 2a eldono (LG II) aperis en 1965, kun multaj aldonoj kaj korektoj.
En 1973 la 3a eldono (LG III) estis presita seslingve (france, germane, angle, itale, hispane kaj nederlande) kaj entenis ĉirkaŭ 11.700 terminojn.
Jam ĉe la unuaj malnetoj de la 4a eldono (LG IV), aperinta en 1989, ensceniĝas la uzado de komputilo, kiu makfermos la vojon al nova multlingva projekto, kies nomo fariĝas "RailLex ".
RailLex estas la projekto de 28 fervojoj UIC, por evoluigi la komunikadon inter la fervojaj retoj kaj la ekonomia, industria kaj sciencesplora mondo, starigante modernajn multlingvajn komunikajn infrastrukturojn.
Danke al informadiko, en 1995, aperis LG V, ne plu paperformate, sed kiel CD-ROM, kun la aldono de aliaj kvin lingvoj (pola, hungara, portugala, sveda kaj Esperanto).
Jam je la fino de 1996 estas preta la 2a versio CD (LG VI) kun aldono de aliaj tri lingvoj (ĉeĥa, rumana kaj dana), kun ĝisdatigo kaj enmeto de novaj terminoj.
En 1997 eldoniĝis 13 volumoj Esperanto / nacia lingvo kaj inverse, tiel

ke la Lingvo Internacia daŭre utilas kiel rilatbazo por la traduko de la fervojaj terminoj en diversajn lingvojn, al kiuj certe baldaŭ sekvos aliaj. Tio donos al la esperantistaj fervojistoj la okazon daŭre kontribui al korektado kaj ĝisdatigado de la fervojaj terminoj.
En 2002 aperis 3a eldono de CD (LG VII) kun aldono de aliaj ses lingvoj (finna, japana (parte), rusa, serba-latina, serba-cirila, slovaka).
Informadika versio de la leksiko disponigas grandan praktikan kaj ekonomian avantaĝon. Fakte, la pezaj plurlingvaj libroj ne plu devas esti necese produktitaj, sed la diversaj fervojoj, laŭbezone, presigos publikaĵojn.
Al la projekto RailLex aktive partoprenas ankaŭ la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (I.F.E.F.), kiu estas oficiala membro de UIC, de ĉiam engaĝita kunordigi la ĝisdatigan lavoron pri la fervojan terminologion. *(trad. RoBo)*

## Diversaĵoj

***Sicurezza sui treni***
Le Ferrovie Australiane, dopo il moltiplicarsi di aggressioni contro donne che a tarda ora viaggiano sole, stanno studiando la possibilità di introdurre carrozze riservate a sole donne nei treni notturni della Metropolitana di Sidney. La polizia raccomanda che le carrozze siano facilmente identificabili e siano vicine a quella che ospita la guardia ferroviaria.

***Sekureco entrajne***
La Aŭstraliaj Fervojoj, pro la multobligado de agresoj kontraŭ virinoj, kiuj malfruhore veturas en la trajnoj solaj, estas studantaj la eblecon enkonduki specialajn vagonojn rezervitajn por virinoj en la noktaj trajnoj de la Sidneya Metroo. La polico rekomendas ke la veturiloj estu facile rekoneblaj kaj proksimaj je tiu en kiu deĵoras la fervoja policisto.

***Camerieri stranieri***
Nell'ingresso di un grande albergo a Nizza (FR) si legge il seguente avviso: - I nostri turisti inglesi sono gentilmente pregati di parlare in inglese ai camerieri dell'albergo, perché di solito essi non capiscono il loro francese.

***Fremdaj servistoj***
En la halo de granda hotelo en Nice (FR), oni legas la jenan sciigon: - Niaj anglaj gastoj estas ĝentile petataj paroli en angla lingvo al la servistoj de la hotelo, ĉar ĝenerale tiuj ne komprenas ilian francan lingvon.





## Pruvèrbi bulgnîś

Dio a i fà e a i acunpâgna.
Avair al mèl, al dân e l óss adòs.
Chi dårum d agåsst, al dôrum a sô cåsst.
Âcua ed fiumèna tótt i mèl aluntèna.
Chi pió al såmna, pió al cójj.
Èser tra l incózzen e al martèl.
Anbasadåur an porta panna.
La tèsta la n fà mèl, se al ståmmg an vôl.
Zairc' ed lóṅna avśén, piôva luntèna.
Al n é pió al tänp, quand Bérta filèva.
Quand al naiva só la fójja, al frad an dà nójja.
Chi fîla sutîl, stà un pèz a urdîr; chi fîla gròs, métt prèst indòs.

## Proverboj bolonjaj

Dio ilin faras kaj ilin paras.
Havi doloron, damaĝon kaj la pordo surdorse.
Kiu dormas aŭguste, tiu dormas siakoste.
Akvo kuranta ĉiujn malbonojn forportas.
Kiu pli semas, pli rikoltos.
Esti inter martelo kaj amboso.
Ambasadoro ne alportas penon.
Kapo ne doloras, se stomako ne volas.
Lunhaloo proksima, pluvo malproksima.
Ne plu estas la tempo, de la spinanta Berta.
Kiam neĝas surfolien, malvarmo ne multe ĝenos.
Kiu teksas maldike, longe veftos; kiu teksas dike, baldaŭ surmetos.

## Proverbi regionali

Il mondo metà si vende, metà si compra. (Lombardia)
Chi non sa fingere, non sa regnare. (Piemonte)
Dio aiuta gli ubriachi e i bambini. (Sicilia)
Se l'invidia fosse febbre, tutto scotterebbe. (Veneto)
Ogni casa ha una tegola rotta. (Abruzzo)
Anche la coscienza può fare il callo. (Veneto)
Andando con i cani si prendono le pulci. (Lombardia)
La salute senza soldi è una mezza malattia. (Liguria)

## Proverboj regionaj

La mondon duone oni vendas, duone oni ĝin aĉetas. (Lombardio)
Kiu ne hipokritas, ne povas regi. (Piemontio)
Dio helpas ebriulojn kaj infanojn. (Sicilio)
Se envio estus febro, ĉio varmiĝus. (Venetio)
Ĉiu domo havas rompitan tegolon. (Abruzio)
Ankaŭ la konscienco povas kaliĝi. (Venetio)
Irante kun hundoj oni ricevas pulojn. (Lombardio)
Sano sen mono estas duonmalsano. (Ligurio)

# Humuro

***Riflessione intelligente***
Un contadino viaggia in treno. Entrando in un compartimento trova sei persone: tre da un lato e tre dall'-altro. Il paesano si siede da un lato, si guarda intorno e dice: - Oh, qui siamo in quattro, ma di fronte ci sono solo tre persone… - e cambia posto.

***Saĝa pripenso***
Kamparano veturas per trajno. Enirante kupeon li trovas ses personojn: tri unuflanke kaj tri aliflanke. La vilaĝano sidiĝas sur unu el la benkoj, ĉirkaŭrigardas kaj diras: - Ho, ĉi tie ni estas kvar personoj, sed frunte estas nur tri... - kaj li leviĝas por sidiĝi sur la alian benkon.

***

***Dal medico***
Un vecchio contadino va dal medico del paese e geme:
- Dottore, dottore, non ne posso davvero più! Sono pieno di pidocchi e tutti gli shampoo, anche quelli speciali, non mi fanno proprio niente!
- Perché non prova con l'alcool? - suggerisce il medico.
- È furbo, lei! - protesta l'uomo. - Già non mi riesce di catturarli da sobri: figuriamoci se sono ubriachi!

***Ĉe kuracisto***
Maljuna kamparano vizitas la vilaĝan kuraciston kaj ĝemas:
- Doktoro, doktoro, mi ne plu povas elteni! Mi estas invadita de pedikoj kaj ĉiuj ŝampuoj, eĉ la plej specifaj, tute ne efikas!
- Kial vi ne provas per alkoholo? - sugestas la kuracisto.
- Kia konsilo! - protestas la viro - Jam mi ne kapablas kapti ilin sobraj, imagu se ili ebrias!

***

***Fra due amici***
- Ieri è morta mia moglie.
- Oh! Mi dispiace molto. Che cosa aveva?
- Mah? … non aveva quasi niente: una catenina, due orecchini…

***Inter amikoj***
- Hjeraŭ mortis mia edzino.
- Ho! Mi tre bedaŭras. Kion ŝi havis?
- Kion? … ja preskaŭ nenion: orĉeneton, du orelpendaĵojn…

***

***Avari***
Un avaraccio incontra per strada il proprio medico. Felice di poter risparmiare il denaro di una visita, gli dice:
- Dottore, ho un raffreddore terribile. Che cosa mi consiglia di prendere?
- Un fazzoletto, vecchio mio!

***Avaruloj***
Avarulaĉo renkontas surstrate sian kuraciston. Feliĉa pro ebla ŝparo de vizithonorario, aldiras lin:
- Doktoro, mi terure malvarmumas. Kion vi konsilas ke mi prenu?
- Naztukon, mia oldul'!



# Lingvaĵoj

***Negli USA si parla inglese***
Da una statistica della popolazione americana di origine non anglofona, si rileva che fra i cittadini statunitensi delle madrelingue spagnola e cinese che "non parlano" inglese sono rispettivamente il 26 e il 30 per cento.

***En Usono oni parolas angle***
El statistiko pri la usona popolo de ne anglafona origino, evidentiĝas, ke inter usonaj civitanoj, kies patraj lingvoj estas la hispana kaj la ĉina, tiuj, kiuj "ne parolas" la anglan estas respektive 26 kaj 30 pro cento.

***

*Corrispondente linguistico*
- Dunque, signore, lei desidera essere assunto come corrispondente per la lingua inglese nella nostra ditta. *Do you speak English?*
- …… ? ? ?
- Ho detto: *Do you speak English*?
- Come dice?
- Ho chiesto se lei parla inglese!
- Ah! Si, certo, perfettamente!

***Lingva korespondanto***
- Do, sinjoro, vi deziras ricevi postenon, kiel korespondanto pri la angla lingvo en nia firmo: *Do you speak English?*
- …... ? ? ?
- Mi diris: *Do you speak English*?
- Kion vi diras?
- Mi demandis, ĉu vi parolas angle!
- Ha! Jes, certe, perfekte!

***

# Aforismoj pri lingvoj

Ne necesas traduki niajn vortojn per aliaj grekaj (fremdaj), kiuj senkritike paŭsas ilian formon; oni reproduktu ne la aspekton, sed la signifon. *Seneko*

Unu homaro, unu lingvo.
*Johann Martin Schleyer*

Por ke lingvo estu internacia, ne sufiĉas nomi ĝin tia.
*Ludoviko Lazaro Zamenhof*

Oni ligas asenojn perŝnure, homojn perparole.
*Don Olinto Marella*

Trovi akordon inter homoj pri prioritato de konceptoj ne facilas, kaj ĉiu optimismo estas nepravigita. Necesus sinlimigi al malmultaj, simplaj ideoj, kiel jam oni faras pri aritmetiko, algebro, muziko. Tamen, ion oni pavus fari: forigi aŭ simpligi grandan parton de la ne nepraj malfaciloj, kiel malsamecon de konjugacioj, deklinaciojn de nomoj, finaĵojn de adverboj, fruktoj de hazardo, ne de neceso. Tiel oni akirus pli simplan kaj regulan lingvon, ne kompareble pli facila ol ĉiuj niaj, tiel ke sufiĉus nur unu horo por lerni ĝin legi kaj skribi.
*Guy de Maupertius*

Lingvo, per kiu ne eblas esti komprenata de la popolo, estas servila lingvo, kaj kiu ĝin parolas neniam estos libera homo.
*Jean Jeaque Rousseau*

# GIOCO DI PAROLE = *VORTLUDO*

Chiave = *Sloŝilo* (6,5,8): Ĝojiga partopreno

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | T | S | I | K | R | O | F | K | A | R | T | O | J |
| O | U | *I* | T | A | T | S | N | O | K | N | R | L | O |
| O | N | T | E | U | V | I | G | L | E | C | O | A | N |
| T | I | O | M | B | R | E | L | O | E | I | N | K | O |
| O | L | C | B | I | R | I | O | N | A | V | O | O | R |
| M | O | A | U | D | M | U | O | O | D | D | O | P | K |
| A | N | K | S | E | Ĉ | K | T | A | N | I | I | I | S |
| N | U | R | F | T | S | I | S | O | F | A | L | I | I |
| O | D | A | N | E | V | N | U | K | O | B | E | S | R |
| V | Ŭ | R | R | E | O | I | B | J | J | L | C | T | U |
| R | A | K | O | N | T | O | C | T | A | E | R | O | K |
| A | L | O | J | E | R | G | R | A | N | D | A | C | N |
| D | O | R | A | P | O | R | T | O | J | O | P | I | O |
| O | R | O | P | A | V | O | V | K | A | N | O | I | K |

Cerca e riquadra con la matita ogni parola nella lista, in orizzontale, verticale, diagonale, in tutte le direzioni. Alcune lettere sono comuni a più parole. Quelle restanti, lette in ordine, formano la chiave definita.

*Serĉu kaj ĉirkaŭlimigu per krajono ĉiujn vortojn enlistigitajn horizontale, vertikale, diagonale, al ĉiuj direktoj. Diversaj literoj estas komunaj en kelkaj vortoj. La restintaj, legataj laŭorde, formas la difinitan ŝlosilon.*

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aero | Ajnaj | Akra | Akvovaporo | Aloj | Biri | Bono | Bruto |
| Busto | Ĉiuj | Diable | Eka | Ete | Etno | Evito | Fali |
| For | Fosi | Granda | Inko | Kartoj | Kio | Kisto | Kolono |
| Konkuri | Konstati | Kopiisto | Koro | Kresko | Kronoj | Kuiri | Kunvenado |
| Lako | Lastvicaj | Lafo | Laŭdu | Ledo | Lime | Manovrado | Navo |
| Nilo | Nur | Ombrelo | Ondo | Opio | Otomano | Parceli | Pavo |
| Korea | Pokalo | Rakonto | Rapo | Raportoj | Sceno | Sito | Submeti |
| Tedi | Tiom | Trakforkisto | Trono | Vigleco | Vorto | | |

Solvo de la lastnumera vortludo: BUNTA KONGRESO

# Kolofono

***ITALA FERVOJISTO***

**IL FERROVIERE ITALIANO**

***Informa Bulteno*** *de la Itala Fervojista Esperanto Asocio (IFEA), landa asocio de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio), dulingve redaktita (itale kaj esperante).*
**Bollettino di informazione** dell'Associazione Italiana Ferrovieri Esperantisti (IFEA), membro della Federazione Internazionale Ferrovieri Esperantisti (IFEF), redatto bilingue (italiano e Esperanto).

**Adresoj/Redaktejo**:

- Romano Bolognesi
✉ Via Misa 4, IT-40139 Bologna,
☎ ++39 051 547247,
💻 <co16919@iperbole.bologna.it>
- Vito Tornillo:
✉ Via S. D'Acquisto 9/5, IT-40050 Monte S. Pietro BO,
💻 <vitorni@libero.it>.

*Senpage al la membroj* - Gratis ai membri - *Memprintita* - Stampato in proprio - *Kvarmonata/neregula* - Quadrimestrale/non regolare.

**I.F.E.A.**: Prezidanto: Pasquale Ceci - Sekretario: Romano Bolognesi - Kasisto: Sergio Negroni - Redaktoro/ Komitatano/Fakkomisionano: Vito Tornillo - Aliaj estraranoj: Renzo Battistella, Renzo Mantovan, Agostino Mantovani, Enrico Molesini, Gianfranco Tomba - Revizoroj: Giuseppe Bertazzo, Franco Graziani, Elisa Gualandi - Probi viri: Gino Corso, Emanuele Franchi, Delvina Stanghellini Gimelli.

I.F.E.A. Poŝtĉekkonto ĉe
Bolognesi Romano, Via Misa 4, IT-40139 Bologna. N-ro 14782403
UEA-konto: robo-r
Apermonatoj: junio, decem. (laŭeble).
Redaktofino: 10/05, 10/11.
www.dlfbo.it - www.ifef.net


# Leggere l'Esperanto

L'Esperanto è una lingua molto armoniosa, degna di essere letta con l'esatta fonologia. Per facilitare i non esperantisti, ecco ***tutte*** le regole al riguardo.

☆ La **pronuncia** è facile: l' **accento tonico** (la pausa della voce) cade sempre **sulla penultima vocale** (sottolineata negli esempi).
☆ Le vocali sono **a e i o u.**
☆ L' **alfabeto** è formato dalle 28 lettere:

**a,b,c,ĉ,d,e,f,g,ĝ,h,ĥ,i,j,ĵ,**
**k,l,m,n,o,p,r,s,ŝ,t,u,ŭ,v,z**

L'Esperanto si pronuncia come si scrive e si scrive come si pronuncia; ogni lettera ha un suono, ad ogni suono corrisponde una lettera.

**Le lettere dell'Esperanto si pronunciano come in italiano, tranne le seguenti, che suonano:**

**c** **sorda, come la *z* di *palazzo* (palaco)**
**ĉ** **palatale, come la *c* di *felice* (feliĉa)**
**g** **gutturale, come il gruppo *gh* di *ghisa* (giso) o *g* di *gas* (gaso)**
**ĝ** **palatale, come la *g* di *villaggio* (vilaĝo)**
**h** **aspirata leggera (herbo); pronunciarla sempre!**
**ĥ** **aspirata forte (ĥolero), come il gruppo *ch* tedesco (*bach*)**
**ĵ** **sibilante, circa come *sg* di *disgelo*; meglio la *j* francese (*jour*)**
**k** **gutturale, come il gruppo *ch* di *chilo* (kilo) o *c* di *cassa* (kaso)**
**s** **sorda, come la *s* di *sale* (salo)**
**ŝ** **sibilante, come il gruppo *sc* di *sceriffo* (ŝerifo)**
**z** **sonora, come la s di *musica* (muziko)**
**j - ŭ** **esse sono considerate consonanti e suonano come i e u brevi nelle parole italiane gaio (gaja) e feudo (feŭdo)**

*Ni semas kaj semas, konstante.*

FKS - Fervojista Koresponda Servo = Servizio Corrispondenza Ferrovieri
*S-ro Aldea DAN-DRAGOS , Sos. N.* ***Titulescu 14, B1 21, Ap. 69, RO-78152 Bucaresti (Romanio).***

Por utiligi la servon, bv indiki: nomon, aĝon, adreson, landon de dezirata korespondant(in)o, temojn, ktp. Aldonu, se eble, Internacian Respondkuponon (IR), aŭ pm-ojn validajn en RO.
Per utilizzare il servizio, indicare: nome, età, indirizzo, paese del(la) corrispondente, temi, ecc. Allegare, se possibile, un Buono di Risposta Internazionale (IR), o francobolli validi in RO.